XXXIV-a Jaro — N-ro 455 — 15 Januaro 1938

# ESPERANTO

Internacia Gazeto duonmonata de Universala Esperanto - Asocio

# La problemo de l'rifuĝintoj

**Postmilita situacio - La verko de Nansen - Novaj viktimoj - Nova situacio - Esperantistaj rifuĝintoj**

## Enkonduko

Antaŭ jaroj jam la gazeto *Esperanto* tuŝis problemon de humaneca karaktero. Estas la situacio de politikaj ekzilitoj rifuĝintoj kaj elmigrintoj. La centprocenta neŭtraleco — eĉ pri homecaj demandoj — proklamita de la nur-propagandistoj porlingvaj, silentigis la voĉon de kompreno kaj kompato. La voĉo esperantista estas malforta en ĝia postulo je justeco; ĝi minimume aŭdiĝu, por ke ankaŭ en niaj vicoj oni konatiĝu pri terura sorto.

## Postmilita situacio

La profundaj ŝanĝoj de la politika situacio pro disfalo de potencaj regnoj kaj la kreo de novaj ŝtatoj, naskis problemon, kiu ververe ekzistis ĉiam post gravaj perturboj sociaj. Temas pri la situacio de tiuj homoj, kiuj pro tiu aŭ alia kaŭzo, fariĝis senŝtatanoj, homoj sen hejmlando, sen patrolando.

Variaj estas la kaŭzoj perdi la rajton aparteni al ŝtato aŭ ne povi plu prezenti pasporton pruvanta al kiu ŝtato oni apartenas. La pasporto, iam preskaŭ nekonita dokumento fariĝis kvazaŭ pruvilo pri honorindeco — por multaj homoj.

Kiu pro iu ajn kaŭzo ne opciis por nova ŝtataneco en difinitaj landoj kaj je fiksita tempo — fariĝis eĉ fremda en la loko kie li naskiĝis.

Kaj ne malmultaj estas la viktimoj kiuj pro malatento, pro malinklino, pro malico kaj pro malbonŝanco fariĝis senŝtatuloj.

Alia klaso de homoj senŝtatanecaj estas tiuj loĝintaj en eksterlando kaj ne povintaj revalidigi siajn paperojn. Ĉar nombre superas la rusoj, la jenaj linioj nur traktas pri ili.

La transformo de l'reĝimo en la iama Cara Imperio kreis centmilojn da estajoj homaj en eksterlando, kiuj fariĝis senrajtaj. Estas tiuj rusoj, elmigrintaj post 1905 en aliajn landojn, kie dank'al interkonsentoj pri restado ili ĝuis plejparte ĉiujn ordinarajn rajtojn. Tio funde ŝanĝiĝis. La soveta registaro en ideologia kaj reala opozicio al burĝa reĝimo, ne volis aŭ povis daŭrigi iamajn aranĝojn, kiuj bazis je reciprokeco. Ankaŭ ĝi konsideris la eksterlandajn rusojn kiel « antisovetaj » kio en multaj okazoj ja estas fakto.

La suferantoj de tiu ĉi stato fariĝis do « nedezirindaj » kiel sonas tiu ĉi oficiala epiteto.

Ĉiuj eŭropaj policoj devis okupiĝi pri tiuj malfeliĉuloj, praktike blokitaj kaj ofte submetitaj al rigoraj reguloj de kontrolado. La elmigro de « blankaj armeoj » (Denikin, Vrangel k.t.p.) kreis veran invadon de rusoj, precipe en balkanaj landoj.

La ĝeno fariĝis problemo. Kaj solvis ĝin la Ligo de Nacioj, ne sen forta premo de homoj meritantaj la distingon « homarano ». La ĉefa batalinto por helpi al viktimoj de l'sorto, fariĝis Fritjof Nansen, la distinga figuro en la areopago de l'nacioj en Ĝenevo. Interkonsento estis farita kies eksteraj signoj estis la kreo de centro kiu sur internacia skalo reguligas la klopodojn en ĉiuj landoj. La dua signo estis la kreo de identec-dokumento por rusoj kaj armenoj, por ke ili povu plenumi polican postulon kaj se necese vojaĝi de lando al alia. Estas la Nansen pasporto. Dokumento kun minimumaj rajtoj, ĉiujare renovigotaj sed almenaŭ io, kio permesas restadi.

La « Internacia Oficejo Nansen por la rifuĝintoj » ĉesos sian utilan agadon, sekve de premo de l'USSR, fariĝinte membro de la Ligo de Nacioj. Plia perdo je prestiĝo morala por la registaroj de ĉi-tiuj ŝtatoj aprobintaj en Ĝenevo tiun ĉi decidon. La bonkora Nansen se li vivus ankoraŭ estus ne ŝparinta parolojn kaj agojn por nuligi jam la proponon ĉesigi utilan agadon.

## Novaj viktimoj

La situacio stabiliĝis. Almenaŭ laŭ polica kompreno. Pli gravaj okazaĵoj fortiris la publikan atenton je la fakto ke ekzistas « nedezirinduloj » inter ili, kies sola kulpo estas ne esti protektataj per propra ŝtato. Kiu iam havis okazon anime penetri en tian situacion, esti forpelebla ĉiumomente, komprenas kion signifas « *esti senpapera* ».

La politika tertremo en Germanlando kreis novan situacion. Miloj kaj miloj forkuris el lando kie ĉia ekzistebleco malaperis por ili. Judoj kaj kristanoj ateistoj kaj religiuloj, ruĝuloj kaj blankuloj, kapitalistoj kaj senmonuloj, ĉiaspeca estis la konsisto de nedezirinduloj serĉantaj rifuĝon alilande. Ne povantaj seniĝi je ili per la kutimaj policaj rimedoj, nome la transportigo al alia lando, la ŝtatoj interesitaj pri la problemo komisiis la Ligon de Nacioj por entrepreni unuajn paŝojn. Organo estis kreita kun la tasko ebenigi la vojon al ĉi-tiuj ekzilitoj krei al si novan eblecon de vivgajno. Personoj posedantaj rimedojn kaj identec-dokumentojn relative facile povis sin aranĝi. Homoj kun nomoj distingaj eĉ ricevis ŝtatanecon, gesto de simpatio kaj signo de protesto samtempe.

Sed la senhavuloj suferis duan baton. Nedezirita en la lando forlasita, ili fariĝis nedezirindaj en lando en kiun ili rifuĝis. Amara pilolo por ĉiu, kiu migrante de oficejo al oficejo serĉis helpon. La senlaboreco, tiu ĉi ulcero ĉe la socia korpo, devigis ĉiujn eŭropajn landojn, malhelpi mondon de merkato je laborfortoj fremdaj. Malgraŭ ĉio, limigita nombro de viktimoj de blinda fanatismo, trovis okupojn, precipe en Ĉeĥoslovakio, Francujo kaj Britujo. Ĝenerale la franca registaro, spite ĉiaj zorgoj, enlasis la plimulton de politikaj kaj rasaj rifuĝintoj. Formiĝis en ĉiuj landoj privataj organizaĵoj kiuj kun limigitaj rimedoj plenumis unuan helpon.

Apenaŭ malgrandiĝis la ondego de elmigrantoj el Germanujo jen anonciĝas nova katastrofo. La ŝanĝo en Rumanujo lasas antaŭvidi novan alfluon de nedezirinduloj, pliigante la socian maltrankvilon. Kaj en Polujo kie vivas kelkmilionoj da judoj la minaco je forpelo de « troeco da ili » estis farita.

Ĉi-tio okazas, ni menciu tion por montri nur la konfuzigon de signifoj, per partioj sin nomantaj « kristanaj ».

Nia tempo jam ne plu diferenciĝas je la mezepoko.




**FRITJOF NANSEN 1861-1930**

Nordpolusa esploristo, Delegito norvega ĉe Ligo de Nacioj — organizinto de l'helpo al Ruslando kaj al ekzilitoj-rifuĝintoj.

## La nuna situacio

Vivas, ni diru pli precize, vegetas nun en ĉiuj eŭropaj ŝtatoj, forpelitoj el hejmlando, aŭ forkurintaj pro timo. Al iuj precipe al sindikatanoj helpas la socialistaj organizaĵoj, al judoj iliaj samreligianoj. Ĉio tio estas akvo-guto sur ardanta fero. La pli feliĉaj, ĉefe tiuj kiuj kapablas labori en kamparo, pordo malfermiĝis trans la Oceano. Kio estas plej signifa, ke sub influo de l'tempo, pro la premigaj kondiĉoj ĉie, la sento de kompatemo malaperas.

## Esperantistaj rifuĝintoj

Ne malmultaj estas ili, la samideanoj persekutitaj pro rasa aparteno, politika kredo aŭ eĉ pro nura esperantisteco. Kaj feliĉe la idea kaj lingva ligiloj montriĝis sufiĉe fortaj : « Samideano ne estas fremdulo », ne restis nura devizo por ornami albumon. Aro da esperantistoj povis dank' al ĉi tiuj rilatoj refariĝi « homoj » el ĉasbestoj forpelitaj de unu lando al alia. Kaj se pro ĉi tiuj agoj de helpemo, oni malpermesus ie nian aferon, tiam oni ne lamentu. Prefere perei pro principo, ol vivi vendinte ĝin !

Stariĝas la demando, kiel nia organizaĵo povu helpi al samideanoj, viktimoj de blinda sorto. La Centra Oficejo de UEA dank' al feliĉaj cirkonstancoj povis interveni per konkretaj agoj. Eble kristaliĝos el ĉi tiu agado ia nova servo ĝenerala. Samideanoj kies koroj ankoraŭ ne malmoliĝis kaj povantaj kunhelpi, anoncu vin !

Alte teni homan nomon
Kore ami ĉiun homon
Estu nia vivo cel'.

G. Agricola.

Universala Esperanto - Asocio
Centra Oficejo : Palais Wilson, Genève, Svislando

# La Jubilea Kongreso

## Bilanco
### Laŭ la stato 31 Septembro 1937

| Konto | | Aktivajo | Pasivajo |
|---|---|---|---|
| Kaso | | 39,98 | |
| Bankoj | | 167,07 | |
| Eksterlandaj bankoj (parte blokita) | | 435,82 | |
| Debitoroj : BEA por kotizoj | | 1.904,20 | |
| Blindula kaso | | | 237,55 |
| Fondo Zamenhofa Monumento | | | 59,53 |
| Kreditoroj : | | | |
| Literatura Mondo | 1.051,67 | | |
| Heroldo de Esperanto | 417,30 | | |
| UEA por presajoj laboro | 446,55 | | |
| Presejoj | 916,95 | | |
| Diversaj | 426,40 | | 3.258,87 |
| Sumo de la aktivajoj | | 2.547,07 | |
| Sumo de la pasivajoj (ŝuldoj) | | | 3.555,95 |
| Diferenco = deficito | | 1.008,88 | |
| | Zlotoj | 3.555,95 | 3.555,95 |

**Elspezoj :** *Pola zloto :*

| | | |
|---|---|---|
| Kotizoj | 19.888,40 | |
| Donacoj | 645,96 | |
| Subteno | 12.000.— | |
| Blindul-kotizoj | 279,71 | |
| Sumo de la enspezoj | 32.814,07 | |

**Enspezoj :**



| | | | |
|---|---|---|---|
| Propagando | | | 4.083,30 |
| Gazetara Servo | | | 2.576,91 |
| Teatro-aranĝoj | | | 4.802,06 |
| Fak-kunsidoj | | | 79,49 |
| Grafika sekcio | | | 1.693,30 |
| Turisma Sekcio | | | 309,50 |
| Ora libro | | | 2.777,60 |
| Ekspozicio | | | 771,45 |
| Kongresejo | | | 1.903,70 |
| Festo de Veteranoj | | | 72,20 |
| Kursoj de Morariu-Baghy | | | 1.109,57 |
| Ĝeneralaj elspezoj : | | | |
| Salajroj, sekretariejaj k. aliaj | | | 13.643,87 |
| Sumo de la elspezoj | | | 33.822,95 |
| Diferenco = deficito (malgajno) | | 1.008,88 | |
| Sumoj | Zl. | 33.822,95 | 33.822,95 |

Unu pola zloto valoras proksimune :
Fr. Sv. 0,82 ; Fr. F. 5,50 ; L. it. 4 ; 10 penc. ; Dol. 0.18 ; Kĉ 5.25.

La Loka Kongresa Komitato en Varsovio komunikis al ni la bilancon pri la Jubilea Kongreso, kiun ni publikigas ĉi-tie.

Al tiu ĉi interesa dokumento ni permesas al ni aldoni kelkajn rimarkojn.

Estus utile scii la ekzaktan nombron de la personoj *aliĝintaj* al la Jubilea, por ke oni povu fiksi la *mezan* sumon de kongreskotizo pagita.

Laŭdinde estas la belega subteno de la registaro. Ne estas sekreto, ke tiun ĉi subtenon oni ĉefe dankas al la alta respekto kaj ŝato kiujn ĝuas la estiminda Profesoro *Bujwid*, honora kongresprezidinto. Tiu ĉi subteno, kian absolute kaj relative oni ne plu ricevis jam de multaj jaroj flanke de registaro, pagis preskaŭ ĉiujn ĝeneralajn elspezojn. La 12.000 zlotoj, laŭ transkalkulo estas 10.000 Frankoj, sed kun aĉetpovo multe pli alta.

*Sed ho ve !* Malgraŭ tiu ĉi belega monhelpo, la « *teoria* » malgajno estas zl. 1008.88. Tio estas ŝuldo kiu persone ŝarĝas la organizintojn de la kongreso.

Ni diras « *teoria* » malgajno, ĉar ĝi rezultas el la bilanco sub la kondiĉo ke la debitoroj de la kongreso estas bonaj, nome la eksterlandaj bankoj kun 435 zl. kaj la Brita Esperantista Asocio kun 1904 zlotoj. Se ili ne pagus, la kongreso fariĝus katastrofo financa por la Loka Kongresa Komitato kaj morala por la Esperanto-Movado.

Restas ankoraŭ alia demando : Laŭ la Art. 45 de la statuto de UEA, akceptita 1934 de ĝiaj Delegitoj kaj de preskaŭ ĉiuj Landaj Asocioj, la organizantoj de la Universala Kongreso ŝuldas licencpagon al UEA, pro tio ke estas manifestacio de la universala organizaĵo esperantista. Ĉar UEA, spite la klopodoj de siaj malamikoj neniam ĉesis ekzisti kaj funkcii, ĝi rajtis postuli la kutiman sumon de 3.977,68 zl. t.e. 20 % de la kotizoj kiuj sumis 19.888.40 zl.

Dezirante ne ĝeni la Jubilean Kongreson per siaj postuloj kontraŭ ekspreziddanto Bastien kaj la de li kunfondita Ligo, UEA deklaris sin preta, festi pace la kongreson kun la Ligo kaj rezignis je ĝia favoro libervole al la duono de la kongresa licencpago, Sekvas do, ke UEA bonhavas de la Jubilea Kongreso 1.988,84 *zl.*, kaj la Ligo bonhavas dank'al tiu ĉi cedo, la saman sumon.

Post sciiĝo pri la malbona financa rezulto kaj volonte cedante al la peto de la Loka Kongresa Komitato en Varsovio, UEA tuj nuligis sian postulon je tiuj 1.988.84 zl. Kvankam nuntempe malriĉa, UEA ne volas forpreni monon el la poŝoj de la sindonaj Esperantistoj, kiuj organizis la Jubilean Kongreson.

Vidiĝas el la kongresbilanco. ke la Brita Esperantista Asocio ŝuldas al la kongreso 1.904 zlotojn. Tiom kiom ni scias, tiu ĉi sumo estis retenita de la Ligo el kongreskotizoj de britaj kongresanoj kaj formas la duonon de la licencpago, konsentitan de UEA al la Ligo, kiel supre montrita. Ŝajnas, ke la Ligo ne volas cedi, kiel tion faris UEA, kaj postulas tiun ĉi relative grandan sumon por sia propra kaso.

Sekvas do:

Se la Ligo rezignos, kion ĝi ne faris ĝis nun malgraŭ petoj kaj protestoj el Varsovio, la kongresdeficito estas 1.088,88 zl.

Se ĝi ne rezignos, do se la BEA ne sendos la retenitan sumon al Varsovio la kongresdeficito estos 2997.72 rondcifere 3000 zl. (egala al 2460 Fr. sv.) ĉiam supozante, ke la aliaj debitoroj plenumos sian devon.

Ni ne bezonas pentri kian gravan sekvon povas havi tia financa fiasko por la movado kaj la pretendita solidareco interesperantista.

Post plia informiĝo ni donos pliajn novajojn pri tiu ĉi bedaŭrinda afero.

## Niaj Mortintoj

*Kun bedaŭro ni sciiĝis pri la forpaso de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas esprimon de nia kora simpatio.*

*Sinjoro D-ro Albert Schramm*, Profesoro Universitata, scienca Direktoro de l'Internacia Ekspozicio por Librometio kaj Grafiko, longjara estro de l'Libromuzeo en Leipzig, 25 Oktobro 1937 en Tübingen, nur 57 jaraga.

Per li malaperas plia distinga figuro el la korifeoj de nia movado antaŭmilita. Eksterordinare granda estis la laboro plenumita per nia afero de l'forpasinto. Li estas la lasta el la « kvaro por la kvara », D-ro Mybs, S-ino Hankel, D-ro Arnhold, organizintaj la 4-an Kongreson en Dresden 1908.

*S-ino Marthe Petit*, (antaŭe Henriet-Nolotte) en Dijon, Delegito kaj DM de UEA. Multe laboris por la Asocio, precipe dum la tempo de Th. Rousseau. Forpasis 11 Dec. 1937.

*D-ro Vaclav Drtina*, advokato en Beroun, Ĉeĥoslovakio malnova membro de UEA (Laŭ Bulteno de E.A. Ĉ.S.R.)

*S-ro Nanalal Sindhwad*, hinda esperantisto, vivinta en Eŭropo, 7 Nov. 1937 en Nederlando. S-ro Sindhwad kunlaboris al la kompilado de ŝlosiloj en lingvoj de Hindujo kaj verkis la manuskripton en Gujerata idiomo.

*F-ino Maria Jordanova Gajdarova*, 14.X.37 en Dolna Orehovica, Bulgar.

*S-ro Thomas John Richards*, en Eastbourne, ano de UEA de 1910 no. 7808 75 jara, 5 Dec. 1937.

*S-ino José Vermandere-Van Caeneghem*, edzino de S-ro Vermandere, komitatano de la Verda Stelo grupo en Antverpeno.

*Sinjoro Jakob Rosenberg*, pioniro de Esperanto en Estonio verkinto de legolibroj, vortaroj, ludojn, fondinto de la unua societo en Estonio, pasia muzikamanto, kunkreinto de la miksita kanthoro de la societo Espero en Tallinn, mortis 26 Decembro 1937, 56 jaraĝa.

Al prezidantino de Ligo de katolikaj esperantistoj en Ĉeĥoslovakujo *f-ino Ludmila Dandová*, mortis ŝia patrino Marie en novembro 1937.

# Evoluo de Esperanto
**Kritk-historia skizo de Petro Stojan**

XIX *(sekvo)*

## Verbo

Atentinda ŝanĝo en la primitiva gramatiko de Zamenhof estis la forigo de la sufikso *-ad-* el la verbaj formoj, kiujn uzis Zamenhof laŭ slava modelo. Por okcident-eŭropaj esperantistoj la formoj de pasinto indikas nur relativan sinsekvon : unu verbo signifas pli-, alia verbo malpliproksiman tempon. Por slavo la verboj de pasinto esprimas ĉefe la kvaliton, faritecon : mi hakis (mi unufoje finhakis) kaj mi hakadis (mi plurfoje, ade hakis). Depost 1905 tiu Zamenhofa distingado komencas malaperi.

Kompleta sistemo da verboj, simplaj kaj kunmetitaj, estas treege vasta en Esperanto : ĝi nombras pli ol 20 formojn. Mi faras, mi estas faranta, mi estas farinta, mi estas faronta, mi faris, mi estis farinta, mi estis faronta, mi faros, mi estos farinta, mi estis faranta, mi estos faranta, mi estos faronta, mi faradis, mi faradus k.m.a. Rusa lingvo — ĝenerale pli riĉa je verboj ol la okcident-eŭropaj — povas respondi al tio nur per : delaju, ja sdelal, budu delatj, sdelaju, ja delyval, ja delal, ja delal by, ja delyval by. Entute nur 8 formoj. Sama nombro estas uzata en parolata franca lingvo. Lingvisto dirus, ke en viva kunteksto sufiĉas eĉ nur 5 formoj, por esprimi ĉion kion oni deziras. Zamenhof uzis prefere simplajn verbojn. La okcident-eŭropa influo enkondukis tro da kunmetitaj verboj.

Esperantisto de Centra kaj precipe de Orienta Eŭropo pli kaj pli liberiĝas de tiu komplika sistemo, pli ŝatas uzi simplan verbaron. En la « Nigra Galero » ni legas : « ... ĉesis la tumulto en la urbo, post kiam oni estis estinginta la brulantan domon,... Al la persekutado de la maltimema akvogeŭzo la du ĝenovanoj tute ne estis partoprenintaj ». (Ni dirus nun : « ... ĉesis la tumulto en la urbo, kiam oni estingis la brulantan domon... La du ĝenovanoj neniel partoprenis en persekutado de la maltima akvofeo. »). En la « Kvin Noveloj » : « Kiam li estis vestinta sin kaj metinta sur kapon ĉapelon kun blanka plumo, li kunvenigis kaj ordigis sian sekvantaron... » (Post kiam li vestiĝis kaj surmetis ĉapelon kun blanka plumo ktp.). Sed jam Valienne, ankoraŭ ŝatanta kunmetitajn verbojn, skribas en « Kastelo de Prelongo » : « Josefino ĉefis la tutan servistaron de la kastelo... Li stariĝis sur la zinka defluido, kiu iom faldetis sub lia pezo. » En la « Princo Serebrjannyj » la du tendencoj miksiĝas : laŭ sia naturа emo la tradukintino uzas simplajojn, sed de temp' -al-tempo, por havi « klasikan stilon » ŝi imitas okcidentajn samideanojn, nenion gajnante en la klareco, sed perdante la ekvilibron : « Homjak eĉ ne estis lavinta la vizaĝon, male, li intence makulis per sango sian bandaĝon... Vi estas prava, Vulturo, sed ne forgesu la rusan proverbon... (« Vi pravas... estus pli simple kaj tute laŭ la originalo : Ty prav.).

Unuavide ŝajnas, ke participo devas formiĝi nepre el sia infinitivo, ekz. fari-farita, plenumiplenumita, kolorigi - kolorigita, publikigi-publikigita. Sed, Zamenhof mem uzis de temp' al tempo tiajn novajojn, kiaj estas : kolorita, publikita, mallevita k.a. Simile, li uzis « malliberejo » apud malsanulejo. Lia intima sento diris, ke sufiĉas plisimpla formo (kolorita), se la senco klaras, kaj necesas kompleta formo (kolorigo), se la simpla (koloro) donas alian signifon. Se la vortoj: sukero, salo, pipro, farbo,... donas nature formitajn verbojn : sukeri (teon), sali (supon), pipri (saŭcon), farbi (harojn), ni povas akcepti la verbon *kolori* en kunteksto : *subiranta suno roze koloras neĝon.* Kaj, poste, la participo « kolorita » aspektos deca. La konservemuloj, kiuj malaprobas la vortojn : *kolorita, simplita, publikita*, motivas jene. Ili diras, ke returnante la korektajn formojn : kolorigita, publikigita k.a., ni retrovas la originajn verbojn : kolorigi, publikigi, dum la sama operacio kun la pli-simplaj formoj havigas dubajn verbojn : kolori, publiki simpli ; kiuj efetive povus signifi ion alian, ekz. : *Tiu ŝtofo bele koloras. Li nature kondutas, simplas kaj estas sincera. Akrobato gimnast(ik)as antaŭ amaso. Konsentante*, ke la verboj : *publiki simpli*, estas dusencaj, ni tamen ne vidas kial ne taŭgas la participoj : *publikita, simplikita*, kies verba pasiveco jam estas esprimita. Kaj, kontraŭ la returnado, ni povas respondi per ekzemploj, kiuj pledas por ni : *vipi, zoni, vaksi, urini, tegi, tamburi, streki, silabi, nomi, flori*,... estas verboj kun klara senco ; returnante ilin, ni tute ne retrovas agojn, sed objektojn, kaj por diri agojn ni devas aldoni -ad : *vipado, florado, nomado*,... Kaj tamen ekzistas aliaj verboj, kiuj akorde kun konservemuloj, returnante donas agojn : *bati balo, fali falo, movi movo, fari faro* k.a.

*(Daŭrigo sekvos)*

## PENSOj

*Nur la grandaj animoj sentas la kompaton, kiun oni devas porti al la malfeliĉo, kiel ankaŭ la ĝuon de l'bonfaro.*

(F. DE LAHARPE)

# Literaturo

## Informo
### Skizo de A. Ĉeĥov

Estis tagmezo. Voldirjov, kampara bienulo, altkreska, fortika viro kun tondita kapo kaj elstarantaj okuloj, demetis sian surtuton, sekigis la frunton per silka tuketo. kaj iom timeme eniris la oficejon. Tie regis plumgrincado.....

Li sin turnis al la pordisto, kiu ĵus estis alvenanta el la fundo de l' ĉambrego, portante pleton kun glasoj.

— Kie mi povas tie ĉi informiĝi pri io kaj ricevi kopion de ĵurnala dekreto ?

— Tie, se plaĉas al vi. Demandu tiun, kiu sidas apud la fenestro, — montrante per la pleto la lastan fenestron de l' oficejo.

Voldirjov tusetis kaj direktiĝis al la montrita fenestro. Tie, malantaŭ verda tablo, makulita kvazaŭ per tifuso, sidis junulo. Li havis kvar hartufojn sur la kapo, longan aknokovritan nazon, kaj li estis vestita per uniformo senkolorigita. Enprofundiĝinte la nazon en paperaĵojn, li skribadis. Muŝo estis promenanta apud lia dekstra naztruo. Tial li de tempo al tempo plilongigigadis sian malsupran lipon, blovante kontraŭ la nazon. Tio donis al lia vizaĝo esprimon tre zorgoplenan. Voldirjóv sin turnis al ĉi tiu junulo.

— Ĉu mi povas peti vin... ĉi tie... pri informo koncerne mian aferon? Mi estas Voldirjóv... Ĝustatempe mi bezonas kopion de ĵurnala dekreto de la dua de marto.

La oficisto trempis sian plumon en la inkujo kaj ekrigardis, ĉu li ne estis preninta tro da inko. Konvinkita sendube, ke la plumo ne degutos, li reekgrincigis ĝin. Lia lipo denove plilongiĝis. sed blovi ne necesis plu : la muŝo sidis nun sur lia orelo.

— Ĉu estas eble ricevi informon ĉi tie ? — redemandis Voldirjov post minuto. — Mi estas Voldirjov, terbienulo.

La oficisto, kvazaŭ ne rimarkante Voldirjov'on, ekkriis en la aeron :

— Ivan Alekseiĉ ! Diru al la komercisto Jálikov, kiam li estos veninta, ke li atestigu de la police la kopion de l' deklaracio. Jam milfoje mi tion diris al li !

— Mi venas koncerne mian proceson kun princino Gugulin — murmuris Voldirjov — La afero estas konata. Mi petegas, ke vi okupiĝu pri mi.

Ankoraŭ ne rimarkante Voldirjov'on, la junulo kaptis muŝon sur sia lipo, ekzamenis ĝin atente kaj forĵetis. La bienulo ektusis kaj laŭte purigis sian nazon per kvadrila naztuko. Eĉ tio ne helpis. Oni daŭrigis ne aŭdi lin. Du minutoj ĉirkaŭe pasis en silento. Tiam Voldirjov elprenis el la poŝo monbileton de unu rublo kaj metis ĝin sur la malferman registrolibron antaŭ la oficisto. Ĉi tiu sulkigis la frunton, altiris kun zorga mieno la libron kaj fermis ĝin.

— Malgrandan informeton.... Mi nur volas eksciiĝi, laŭ kiu bazo la heredanto de princino Gugulin.....
Ĉu mi povas maltrankviligi vin ?

La oficisto, ŝajne ankoraŭ okupata per siaj pensoj, leviĝis kaj, gratante kubuton, li foriris al ŝranko. Reveninte al la tablo, li reokupis sin pri la registrolibro : denove sur ĝi kuŝis unurublo-bileto.

— Mi maltrankviligos vin nur unu momenton. Mi nur bezonas informeton, nur.....

La oficisto nenion aŭdis kaj ion ekkopiis.

Voldirjov sulkigis la brovojn. Malesperante li rigardis la tutan aron da plumgrincigantoj.....

— Ili skribadas — li pensis ĝemante — ĉiuj ili skribadas. Diablo forprenu fine la tutan aron !

Li malproksimiĝis de la tablo kaj haltis en la mezo de l' ĉambro. Liaj brakoj pendis inerte pro malespero. La pordisto, repasante kun glasoj, verŝajne rimarkis la senpovan esprimon sur lia vizaĝo, ĉar, tute alproksimiĝante al Voldirjov, li demandis mallaŭte :

— Nu, ĉu vi informiĝis ?

— Mi penadis, sed oni ne volas paroli kun mi.

— Donu do al li tri rublojn — murmuris la pordisto.

— Mi jam donis du rublojn.

— Donu ankoraŭ unu.

Voldirjov reiris al la tablo kaj remetis verdan bileton sur la malfermitan registrolibron.

La oficisto altiris al si la libron kaj ekfoliumis ĝin. Tiam, kvazaŭ hazarde, lia rigardo renkontis Voldirjov'on. Lia nazo ekbrilis, ruĝiĝis en rideton.

— Ha ! kion vi deziras ?

— Mi deziras informon pri mia afero..... Mi estas Voldirjov.

— Mi estas ĉarmita ! Pri la afero Gugulin ? Tre bone ! Sed kion vi speciale deziras ?

Voldirjov detale prezentis sian peton.

La oficisto subite plivigligis, kvazaŭ sublevita per ventego. Li tuj donis la bezonatan informon, ordonis, ke oni preparu kopion kaj proponis seĝon al Voldirjov ĉio tio en unu momento. Li eĉ ekparolis pri la vetero kaj informiĝis pri la rikolto.

Kiam Voldirjov foriris, la oficisto akompanis lin sur la ŝtuparo, ĝis malsupre, afable kaj respekte ridetante la tutan tempon. Li vere ŝajnis montri, ke ĉiumomente li estas preta terenkuŝiĝi antaŭ la petinto.

Voldirjov sentis iom da ĝeno. Fine, obeante al ia interna sento, li elprenis el sia poŝo kvaran rublon kaj donis ĝin al la oficisto. Tiu ĉi akceptis la bileton, kvazaŭ lertŝtelisto tiel rapide, ke ĝi, simile al fulmo, nur aperis kaj tuj malaperis en la aero. Kaj li daŭrigis saluti kaj rideti.

La bienulo eliris en la straton. Li haltis por sekigi sian frunton per la tuketo.

Li pensis :

— Nu ! Jen homoj !.....

*Tradukis el rusa lingvo.*
CHARLES ROSEN.

## Penseroj

*Por multaj la Biblio estas nur komerclibro.*

* * *

*Nur la arto kaj la kredo transformas la mondon en oro.*

* * *

*Nur kiam oni elĉerpis la prudenton, oni kredas je miraklo.*

* * *

*Se la naturo havus tiom da leĝoj, kiom havas la ŝtato, — eĉ Dio ne povus ĝin regadi.*

* * *

*Gajeco estas la ĉielo sub kio ĉio prosperas.*

* * *

*La amo jam de longe mortis, sed la jaluzo ĉiam ankoraŭ vivas.*

* * *

*Neniam postulu de l'homo la saĝecon de l' besto.*

* * *

*Kun la malsaĝuloj la sorto estas ĉiam milda.*

# El naturo kaj sciencoj

## La kemio tra la jarcentoj

Varia estas la moderna kemio kaj ŝanĝiĝanta estis ĝia rilato ĉiuepoke al la cetera mondo. Kun plej diversaj fakoj ĝi havis rilaton : Al la religio, politiko, komerco, agrikulturo, k. a. Ni sekvu kelkajn ekzemplojn el tiuj okazintaĵoj.

Dum la antikva tempo la kemio konsistis en la prilaboro de kelkaj metaloj kaj en la fabrikado de sapo, koloroj, papero, argilaĵoj kaj moter-materialoj. Kemiisto ne ĝuis respekton. Plutarko, la greka verkisto, konsideris la kolorfabrikistoj kaj sapofaristojn kiel plej malaltrangajn laboristojn.

La kemio estas infano de l' oriento. Ĝi venis kun la Maŭroj de Norda Afriko en Hispanion. De tie ĝi disvastiĝis en Italion kaj Francujon pli malrapide al teŭtonaj landoj, kie nun troviĝas efektive la kemia centro de l' mondo. En la mezepoko la eklezio estris ĉion kaj ĉie. En monakejoj praktikiĝis sekve la kemio kaj kio eliris de tiuj ejoj havis la aprobon kaj sankcion de la eklezio. La homoj estis kutimitaj al la kredo, ĉar ili estis edukitaj al tio. Pro tio estis eble ke, apud multe da bono kaj utilo, disvastiĝis ankaŭ multe da konfuzaĵo. Tiutempe trompistoj kaj sorĉistoj laboris sukcese. La kemiisto en tiu epoko., konita sub la nomo de alkemiisto, altiĝis je orfaristo kaj nekromanto. Tamen estus maljuste konsideri ĉiujn kiel trompistojn. Inter ili estis multaj kiuj vere kredis je sia sorĉa povo. Moderna kemiisto ne povus honoriĝi je la kolegeco de liaj praulo j. Vera scienco la kemio iĝis nur antaŭ proksimume 150 jaroj. Ne plu ĝi prenas siajn konstatojn kaj pruvojn el hazarde faritaj observoj, ĝi ankaŭ ne plu lasas tion al la fantazio, trovi teorian sistemon. Kontraŭe ĝi dankas la sukcesojn al rimarkinde malofta kunlaboro de observo, pripenso kaj intuicio. Moderna kemiisto apartenas al laboratorio kaj studĉambro. — La plej ampleksa kemia fabriko estas la naturo mem. Ĝi posedas ne nur laborejojn sennombrajn, sed ankaŭ la plej gravajn patentojn. Ĉiu kemiisto devas labori kun la naturo, baldaŭ gi estas la instruanto, baldaŭ kreditanto, ofte konkuranto.

Komence la kemiisto kontentiĝis per la materioj, kiujn la naturo libervole proponis al li. Al pretendema homo ĝi tamen ne liveras ĉiam la plej senriproĉajn produktaĵojn. Kaj jen la kemiisto trovis novan laboreblecon : Purigo kaj nobligo de la naturaj materioj. Dum tia laborado li ofte trovis materion, sekrete konservitan de la naturo. Trovi tiujn sekretajn materiojn fariĝis nova tasko. Fine venis la ideo provi mem la kreadon de novaj kemiaj formaĵoj. Li komencis prilabori la nature ekzistantajn materiojn kaj procedi al plej komplika transformado. Pena laborado aperigis materiojn tute ne ekzistantajn en la naturo mem. Malofte troveblaj produktaĵoj fariĝis malmultekostaj kaj arego da gravaj materialoj fariĝis pli abundaj. Tamen tiuj sukcesoj ne rajtigas esti optimista. Pripensema kemiisto trovas ĉiupaŝe objektojn de esplorado, pri kiuj ankoraŭ estas neeble klariĝi. Li povas sukcesi kion la naturo mem ne povas, aŭ faras ĝin alie, sed li estas ankoraŭ nenionscianta pri multaj naturaj aperaĵoj, kiuj ne estas eksterordinaraj en la naturo mem. Li komencas spioni la naturon por ekscii pri ĝiaj patentoj — kaj feliĉe ili ne estas leĝe protektitaj.

Sed unu veron oni ne forgesu. La kemiisto sukcesas estri ĉion aŭ alion en la naturo, kondiĉe ke ĝi mem tion permesas. Sed li estas senpova kontraŭ ĝia potenca volo. El 1 kg da sukero li sukcesas fari senmalhelpe karbacidon kaj akvon, sed ne pli multe ol unu kilogramon, neniom pli. Ĉitiun konstaton kiu egalas al la neebleco produkti ion el la nenio, antaŭiris dum jarcentoj gravaj eraroj. Al tiu ĉi fundamenta leĝo de la **konservo de l' kvanto** aldoniĝas la leĝo pri la **konservo de l' energio.** Neeble estas, krei novan kvanton kaj same neeble novan energion. En ambaŭ kazoj estas eblaj novaj transformoj de donita formo en alian. Pro tio malsukcesas ankaŭ ĉiuj provoj trovi maŝinon, laborantan sen nutro de necesa forto. Ankaŭ la plej subtilaj ideoj ankoraŭ naskiĝantaj estas mortnaskitaj antaŭ la fakto ke neniam maŝino povas funkcii, malatentante la interfrotiĝon.

La celo de l' kemiisto estas nun, limigi la dependecon de la naturo je plej ebla minimumo. Tion li atingas per tio, ke por liaj provoj li elektas nur malmultajn kaj tiajn naturmaterialojn, kiuj estas facile kaj malmultekoste troveblaj. Tiaj estas ekzemple : Aero, akvo, karbo, petrolo, mineraloj, kalkŝtono, argilo, siliko kaj salo. La timo, ke elĉerpiĝu iuj el la nomitaj materialoj ekzistas nur por kelkaj minaĵoj kaj por karbo kaj petrolo. Tamen tio ne rezultigos kulturan kastastrofon, ĉar necesas tiam nur sekvi la montritajn vojojn kiuj jam estas provataj nuntempe. Aluminio kaj Alojaĵoj de aluminio-magnezio pli kaj pli eniras en la praktikon kie antaŭe uziĝis nur fero. Ambaŭ, aluminio kaj fero troviĝas abunde ankoraŭ en la tero. Ambaŭ estus praktike neelĉerpigeblaj, se oni sukcesus levi ilin el nun neatingeblaj kuŝoj. De l' fero ekzemple nur ero de l' efektive ekzistanta kvanto estas trovebla en atingeblaj lokoj. La plej granda kvanto estas en la terinterno — neniam vidita, sed nur konstatita laŭ variaj observoj. La aluminio preskaŭ estas senescepte trovebla en la tersuprajo. Ĝia produktado tamen atingis gravecon nur en la lastaj jardekoj, dume la ferminado jam estis praktikigita antaŭ jarcentoj. Por renkonti la elĉerpiĝon de la karbo kaj de l' petrolo jam manifestiĝas ĉie la tendenco transiri al racia eluzo de la elektra energio por hejtado kaj motoroj. Tiurilate jam multe efektiviĝis, kvankam por jardekoj ankoraŭ, la problemo ne urĝas. Ĉie tiu ŝanĝo ne estas ebla, precipe ne tiam, kiam la karbo ne nur efikiĝu terme (varmige) sed ankaŭ kemie. Tio okazas ekzemple je duono por ambaŭ en la altforno. En la elektra altforno nur la karbo, necesa por la varmoproduktado estas anstataŭebla per elektro.

Kion oni atingas el la malmultaj materioj pruntataj de la kemiisto el la naturo montras ekzemplo. Kalkŝtono kaj karbo sub la elektra lumarko, produktas la karbidon, kiu, miksata kun akvo, donas la konatan acetilen-gason. Kunigata al oksigeno oni produktas per taŭgaj flambekoj la varmegajn flamblovojn necesajn por la vitrofabrikado kaj por la aŭtogena veldado de metaloj. El acetileno estas farata la « Meta », komprimita brulmaterialo por la turistoj, sed ankaŭ la acetata acido kaj eĉ alkoholo estas produktebla el tio. Rimarkinde estas ankaŭ la ebleco, produkti el acetileno glicerinon, de kiu oni venas al sukeroj kaj grasoj. De l'acetileno oni povas veni ankaŭ al kloroformo, la rimedo por narkotigi kaj al la sinteza kaŭĉuko, daŭrigante al la benzolo kaj ĝis senfina vico de materioj koloraj, parfumaj kaj medicinaj. Escepte la benzolon, neniu el tiuj produktaĵoj formiĝas sola el la acetileno, ĉiam necesas alligo de aliaj simplaj materioj. Sed ĉiuokaze la acetileno formas la esencan ligilon en skeleto de la nova produktaĵo. Kompreneble ne ĉiuj el la cititaj eblecoj posedas ankaŭ praktikan valoron. Sukeron, grason kaj alkoholon liveras rekte la naturo pli avantaĝe kaj pli bone. La sama valoras por la benzolo. Sed por la kompreno de tiuj materioj kaj de la kemio entute, tiuj sintezoj kontribuis multon. Kaŭĉuko estas objekto kiun la naturo en normala tempo liveras pli malkare kaj pli bone. Dum tempo de neregulaj trafikrilatoj ekzemple dum milito, ankaŭ tiu sinteza produktaĵo povus konkurenci.

Strangajn transformiĝojn faris la kemio rilate al la kompreno pri la v i v o. Ĝis 1828 oni kredis je ekzisto de speciala vivsubstanco en ĉiuj organikaj kombinaĵoj, t.e. en ĉiu unuopa materio partoprenanta la konstruon kaj ekziston de vivaĵo. Tiu ĉi kredo bazis sur la supozo ke estas neeble produkti sinteze nun el tiuj vivsubstancoj. Ĝi komplete bankrotis kiam antaŭ cent jaroj Friedrich Wöhler sukcesis produkti sinteze la ureon. Plimultiĝis tiaj sukcesoj unu post la alia. Iuj pensuloj konvinkiĝis, ke en la tuta vivo ne efikas aliaj leĝoj ol tiuj de la ordinaraj fiziko ka! kemio. Efektive ebliĝis ĝis nun, sinteze prezenti 300 000 organikajn kombinaĵojn, en kiuj antaŭa epoko supozis aŭ kredis la ekziston de speciala vivenergio. Sed ĉio havas limon : Ĝis nun oni ne sukcesis sinteze produkti la plej primitivan vivorganismon, nome vivantan ĉelon senforman, la amebon, kaj ĝin konservi.

Estas kompreneble, ke sub la impreso de la nunaj spertoj denove ekaperas la ideo pri speciala vivenergio, postkiam ĝi estis primokita kaj ridindigita. Sed ĝi havis transformon mem : Neniu plu vidas ĝin en ĉiu aganta organika kombinaĵo, sed en tiuj mirigaj elmontroj kiujn ni nomas la v i v o n ni devas ĝin akcepti. Ne necesas difini kion oni perceptas precize pri tiu vivenergio : Io absolute nova aŭ pli simpla, ia subtilaĵo per homaj rimedoj ne atingebla laŭ la konstruo kaj sinsekvo de aperaĵoj, senescepte konataj. Estas unika vero ke ekzistas baroj, kiujn la homo kaj speciale la kemiisto, ne transiros.

Prilaboris
François Hayotte.

# Tra la Esperantista gazetaro

## UŜE-EĤO

**Organo de la Eŭropanismo**

Aperas en Timiŝoara, Rumanio.

La redaktoro Josef Zauner lerte kunigas ĉiujn argumentojn por la kreo de la Unuigitaj Ŝtatoj de Eŭropo, mallonge UŜE.

Ni ĉerpas el Decembra numero pripensindan artikolon : « Ĉu praktika solvo » ?

Dum vizitoj de laboristoj per « Kraft durch Freude » -ŝipoj, oni aranĝis amikiĝajn kunvenojn en la italaj urboj. Ĉe tiuj ĉi okazoj oni provis solvi la lingvan problemon. La radio disaŭdigis kelkajn kunvenojn kaj oni povis sperti kiel sukcesis tiamaniere paroli, ke tiel la ĉeestintaj germanoj, kiel la italoj komprenus la parolon kaj ĝuu la travivaĵon de entuziasmaj manifestadoj.

La interesa solvo-provo estis jena :

Apud la oratoro staris la tradukisto, kiu tuj post ĉiu frazo tradukis la parolon.

La rezulto de la provo estis stranga : Se temis pri neefika parolo, tiam iris la afero iamaniere. Sed kiam oni parolis efike. — kaj kiu ne klopodis efike paroli — tiam la tuta aranĝo fariĝis ĝena.

Post ĉiu efika frazo tondris aplaŭdo de tiu parto de ĉeestantoj, kiuj komprenis la oratoron ; nun aŭ atendis la tradukisto la finon de aplaŭdo, aŭ tradukis dum aplaŭdo en la bruon. Li estus devinta atendi ĉiam la finon de la bruo ; sed tiel la afero fariĝis enuiga kaj iom ridinda.

Solvo ĝi ne estas !

Faŝistoj kaj nacisocialistoj ! Lernu la lingvon de l'estonta Eŭropo, lernu eŭropane, kaj viaj komunaj manifestadoj potenciĝos laŭefike.

La sama gazeto penadas konvinki politikajn dekstrulojn lerni Esp.. ne, pardonu, Eŭropanan lingvon, kiel alinomiĝis S-ro Zauner Esperanton.

Amuzan komparon ni trovas sub titolo « Samtempuloj » :

### Civilulo

Figuro bedaŭrinda de l'nuntempa socio. Lia rolo en la ŝtata vivo fariĝas ĉiam pli kaj pli pasiva. Baldaŭ li havos nur devojn ; el la rajtoj de civilulo restos la pluslaboro kaj cerbumado.

Ĉiu civilulo bezonus jam apartan sekretarion por rilatoj al diversaj aŭtoritatoj. La ŝtato, la urbo, la militistaro, la impostejoj diversaj, la eklezio ktp. zorgas, ke ĉiutage havu vi viajn zorgojn kaj ke ĉiutage vi sentu, ke vi estas ŝtatano « civila », t. e. ŝtatano paganta.

### Uniformulo

La idealo de junuloj kaj de virinoj. Li reprezentas la absolutcertan viv-tenon en favoraj vivkondiĉoj. Liaj devoj estas, rilate al civiluloj ĉ. 1 : 5, liaj rajtoj ankaŭ ĉ. 5 : 1.

Lian vivon karakterizas senzorgeco. kiu liberigas lin ĉefe de superflua cerbumado.

Cerbumado de uniformulo ne estas postulata, ofte eĉ malpermesata. Pro tio okazas, ke dum militoj venkos kutime civiluloj (inventistoj) per siaj kapoj, kutimitaj al cerbumado.

### Bojkotulo

estas la ruza batalanto. Antaŭ ĉiu aĉeto li konvinkiĝas, de kie devenas la artiklo: de kie la krudmaterialo, kiuj fabrikis ĝin kaj kiu vendas ĝin. Ĉefzorgo lia estas nuntempe, observi la lukton de registaro kontraŭ nutrad-zorgoj. Kiom da graso, butero, viando, pano, ovoj ktp havas ankoraŭ la lando en rezervo. Kaj antaŭ ĉio, pri kiom da devizoj disponas la registaro ? Malica ĝojo estas por li la plej kora ĝojo.

Tiu ĉi lia lukto estas absolute sekreta, kaŝita kaj organizita mondrilate.

### Filo de Ŝtato

estas homo, kiu kredas, ke sola tasko de ŝtato zorgi pri li. Ludante la rolon de bona patrioto, li postulas de ŝtato panon dum la tuta vivo.

La lernejojn li vizitas kiel stipendiato, post la studoj li fariĝas ŝtatoficisto kaj kiel pensiulo li vivas siajn lastajn jarojn. Karakterizas lin postuleco.

Sen li la ŝtataparato verŝajne pli bone funkcius. Ĉar la « filo de ŝtato » havas kutime oficon sen devoj, sen agadkampo fakta, do li nur ĝenas la alian. Estas ia kontrolo, inspektoro, kiun neniu kontrolas kaj inspektas.

Tro multe da « filoj de ŝtatoj » rezultigas la burokratan ŝtaton, en kiu ĉio estas kondamnita al morto.

---

## LITOVA STELO

Organo de Litova Esperanto-Asocio.

Decembra numero faras bilancon pri la Jubilea Jaro :

Ni ekstraktas :

La Jubilea Jaro proksimiĝas al la fino. Baldaŭ oni jam povos fari ĝian bilancon. Oni povas antaŭvidi, ke tiu bilanco ne estos tro aktiva, almenaŭ ĝi ne multe superos la bilancon de simplaj jaroj. Esperanto festas sian oran jubileon en malfavoraj cirkonstancoj — eksteraj kaj internaj.

Ekstere ĉiam pli malfavore efikas la kreskanta ŝovinismo, kiu en certaj landoj kaŭzis faktan kaj oficialan subpremon de Esperanto-movado. Tamen tiu ekstera danĝero, kvankam minaca, ne estas tamen pereiga por la movado, ĉar aliflanke. kiel, ĝia kontraŭpezo, konstante kreskas la interesiĝo de oficialaj institucioj pri Esperanto. Ankaŭ dum la Jubilea Jaro estas atingitaj sur tiu ĉi kampo gravaj sukcesoj. Ni citu nur la Parizan Konferencon, la eldonon de jubileaj poŝtmarkoj, la unuan internacian radiodisaŭdigon en Esperanto, k. t. p. Do en tiu direkto Esperanto faris dum la Jubilea Jaro senduban paŝon antaŭen, kaj tio povas kompensi la enkatakombigon de Esperanto en Germanujo kaj Portugalujo.

Restas tamen ankoraŭ plej granda danĝero — la interna, kiun oni ne sukcesis forigi ankaŭ dum la Jubilea Jaro. Malgraŭ la unuanima deziro de esperantista publiko, ke estu nur unu Esperanto Centro, ke la movado restu unueca, — la IEL — UEA kverelo tamen daŭras. Ĝi ne nur daŭras, ĝi profundiĝas. La kancero de malpaco komencas atingi la landajn organizaĵojn, kaj eble baldaŭ jam ne nur gvidantoj, sed la tuta esperantista popolo dividiĝos en du malamikajn frontojn kaj foruzos ĉiujn, siajn fortojn, energion kaj eltrovemon por plej efika batalado kun « malamiko ».

Kaj ĉe tiu batalo okazas io plej danĝera, eble pereiga por Esperanto : la enmikso de neesperantistoj en tiun fratan militon. IEL — UEA disputo baldaŭ ĉesos esti nia « interna afero ». Senpripensemaj personoj kun fervoro, inda je pli taŭga celo, pensas turni la atenton de neesperantista publiko al tiu malagordo inter esperantistaro, tute ne pensante pri la danĝeroj, kiuj povas rezulti el tio. Se ni komencos lavi nian tolaĵon antaŭ la fremda publiko, tio certe ne grandigos ĝian simpation por Esperanto. Tiu publiko tute prave povas demandi : se Esperanto estas porpaca movado, do ĝi vere estas tre malefika, ĉar ĝi ne sukcesas paciĝi eĉ siajn adeptojn. Se ĝi estas nur lingvo, kiu do parolas plej bonan lingvon. IEL ĉu UEA ? Sed se Esperanto estas kampo por personaj ambicioj, tiam prefere nomu la aferojn per ilia propra nomo kaj ne vualu ilin per patetikaj deklamaĵoj pri altaj idealoj.

Oni devas dubi, ĉu personoj, kiuj unue ekaŭdis kaj ekinteresiĝis pri Esperanto, ĉar en ĝi okazas ia kverelo, povos poste entuziasmiĝi pri ĝi. Jen pri tiaj sekvoj pensu la fervoraj partianoj kaj rapidu informi la neesperantistojn pri la pozitivaj flankoj de nia movado, sed ne pri la bedaŭrindaj kaj evitindaj mankoj. Estus tre bedaŭrinde, se la ora jubileo de Esperanto estus dato de ĝia dispartiĝo kaj malfortiĝo.

## NIA GAZETO

En sia lasta numero, decembro, dediĉas tutpaĝan artikolon al la demando « kiu estas la aŭtoro de Ido ? » La artikolo rilatas al informo aperinta en la gazeto Cosmoglotta, laŭ kiu la patro de Ido ne estis De Beaufront, sed Prof Couturat. Estas ĉiam iom delikata afero paroli pri agoj de mortintoj sed pro la historia vero utilus se tiu ĉi aserto estu plene klarigata, tiel ke ne ekzistu plu dubo. Plej delikata ankaŭ estas la aserto pri la 250.000 Frankoj siatempe proponitaj al D-ro Zamenhof, por ke li akceptu la reformojn. Tio estas simple dirita subaĉeto. kaj la aserto, aperinta en « Cosmoglotta » similas al rakontaĉo en ordinara romano.

Leginda estas la artikolserio pri la pasinta ekspozicio en Parizo. Amuza estas jena parto el la ĉapitro pri kelkaj vidindaĵoj :

« Franca proverbo asertas, ke oni ne povas kontentigi ĉiujn kaj sian patron. Tial, en kelkaj landoj, iuj plendis pro sia pavilono en la ekspozicio.

Pri sia pavilono svedoj diras ke ĝi similas al « kestego » ; ĉeĥoj malbone parolis pri la stilo de sia pavilono kaj ankaŭ pri ĝia enhavo ; Finnlandaj gazetoj enhavis plendojn pri la pavilono, pri ĝia loko kaj pri la objektoj montritaj, eĉ la brita pavilono devis esti defendita antaŭ la brita deputitaro, kiel ŝtatafero.

## Belga Esperantisto

S-ro Jaumotte en ĉefartikolo « La Zamenhofa Spirito en militanta mondo » konkludas:

Ni, esperantistoj, devas zorgi ke en niaj grupoj, la Zamenhofa spirito, tiu de la homaranismo, kiun Zamenhof ne volis ligi al la ideo gvida de Esperanto-Movado, sed kiu estis lia, plene lia, vivu kaj kresku.

Sen tiu ideo, nia movado estus vana kaj, kiel D-ro Zamenhof mem diris en fama kongres-parolado, ĝi ne valorus. ke oni laboru por ĝi.

Kaj ke, antaŭenpuŝata de tiu impulsiga ideo, ĝi kresku fiere kaj iru al novaj, ĉiam pli gravaj konkiroj, estas certe la espero de ĉiuj niaj legantoj.

## Katolika Stelo

Organo de la Hungarlanda Katolika Societo Esperantista informas :

*Papini partoprenos la Eŭkaristian Kongreson.* La prepara komitato invitis la mondfaman verkiston Giovanni Papini, por ke li prelegu dum unu el la kunsidoj. Papini akceptis la inviton kaj tiel la programo de la kongreso estos per vere valora interesaĵo pli riĉa. La mondfama katolika verkisto sendube faros per sia prezentado nemezureblan servon por la multnombra kongresanaro.

*Esperanto estis akceptita por oficiala helplingvo de la 34-a Eŭkaristia Kongreso. La prepara komitato de la Eŭkaristia Kongreso, komprenante la lingvajn malfacilaĵojn dum la kongreso atendeblajn, decidis preni je helpo la mirindan rimedon, esperanto. Ĝi kreis per tiu ĉi larĝvida kaj progresema decido eblecon por ĉiu nacio, ke ili povu interparoli kun siaj gastigantoj sen altrudo de iu fremdnacia lingvo. Ni petas niajn eksterlandajn samkredanojn, per ĉiu rimedo disfamigi tiun ĉi fakton, epokfaantan en la katolika esperanto movado.*

## BULTENO

**de ESPERANTO-ASOCIO en ĈSR**

La ĉeĥoslovaka periodaĵo en artikolo pri Internacia Ligo faras la jenan konstaton :

Ni ĉiuj konscias, kiel grave nin tuŝis la organizaj bataloj, kondukitaj dum pluraj jaroj kun tiom da vervo. Nia koncepto pri esperanto kaj pri esperanta organizo estis alia kaj Ĉeĥoslovakio, kiu estis dum dekjaro plej forta bastiono en la tutmonda movado, preferis stari flanke dum tiuj abomenaj luktoj. Flanke restis bedaŭrinde ankaŭ la kotizantaj membroj kaj tiel okazis, ‚ke proksimume 1000 ĉeĥoslovakaj anoj foriris de internacia organizo.

## Sovetrusa liriko

La revuo « La parolo » aperanta ruslingve en Moskvo donas ideon pri la popoleca liriko nuntempa en USSR.

Kamparanoj komunikas en versoj siajn sentojn. Armena kamparano ekzemple rakontas kiamaniere en vilaĝo estas instalata elektra lumo, kvazaŭ Lenin estus eltrovinta la elektron.

Kaj singardeme ĉi tiu popola lirikaĵo finas per glorigado de Stalin !

Tiu-ĉi senkompare malriĉa poezio aspektas tradukite tiel :

Al vilaĝo Lenin portis lumon  
Li portis lumon,  
Ne senigis kampulon de l'espero  
Ne trompis lin.  
Saluton al vi, epoko  
Socialisma epoko !

En alia kanto oni prezentas al ni malriĉulon Haĉo, kiu antaŭe portis ĉifkitan kitelon kaj nun paradas en nova pura trikotaĵo :

Kiu al ci donacis ĝin ?  
« La veston, kovranta la bruston,  
Ĝin donacis al mi Lenin,  
Lenin ».

Ĉion li ricevis de Lenin, botojn, ja eĉ la langon, plej sonantan ; ĉar iam li estis silentema. Sed Haĉo fariĝis antaŭ ĉio ordenhava. Neniel mirigas, ke en tiu ĉi naivec-bicantina poeziaĵo ne mankas la nomo de l'estro :

Altrespektata Haĉo  
li estas nia fier' — nia honor'  
li portas pro merit' orden' el or'  
de Lenin !  
Kiu donis al ci ĝin?  
Kiu al ci donis ĝin?  
L'ordenon pro merit',  
Al mi donacis ĝin, Stalin  
Stalin !

## Bulgara Esperantisto

Organo de la Bulgara E-Asocio informas pri reviviĝo de la movado en sia lando. Malfermiĝis kursoj en Vilaĝo Balgarene, en Kjustendil en Pazarĝik. kvin kursoj en Sofia kun 150 anoj. Restariĝis aŭ fondiĝis grupoj en Gorna Ĝumaja, vilaĝo Kableŝkovo, en Karĝali. En Varna, vigla vivo, prelegoj, kunvenoj. La ĉiutaga gazeto Zarja, Sofia, enhavas ĉiusemajne artikolon pri Esperanto.

## La semajno

Estas hektografita periodaĵo ĉiusemajna, redaktata de S-ino Gerda Drotten. El ĝi oni lernas pri reganta malinterkonsento inter la danaj esperantistoj. Sufiĉan maltrankvilon kaŭzis sinteno kontraŭ eksterlanda samideano, instruinta la lingvon en kursoj. El tiu ĉi situacio klariĝas la fondo de nova landa societo.

## Korespondado

Fino Cveta Chitrova ul. Maks. Rajković 1, *Veliko-Tirnovo*, Bulg., korespondas kaj interŝanĝas PM kun tuta mondo. popece, laŭ Yvert aŭ Michel.

**Fondinto : H. Hodler, † 1920**

**Redakcio : Genève.**

**Red.: Provizora Komitato de U E A**

Presis : Granchamp, Imprimerie, Annemasse, (Haute-Savoie)

Dato : 15 Januaro 1938.